1ª Jaro — Nº 3 ★ ĈIUDUSEMAJNE ★ 1 Februaro 1931


# Katolika Vivo

informiga gazeto internacia


PAPA ENCIKLIKO

## LA EDZIĜO LAŬ LA KRISTANAJ PRINCIPOJ

Ektraktante tiun ĉefan temon de la kristana edziĝo, Lia Papa Moŝto Pio XI-a rememorigas la Enciklikon *Arcanum*, kiun lia fama antaŭulo, Leono XIII-a, publikigis, antaŭ kvindek jaroj. Li deklaras, ke li faras ĝin sia, ke li ĝin proklamas denove samtempe kun tiu ĉi. Ĉar ĉiuj instruoj, kiuj en ĝi troviĝas, havas ĉiam saman volforton.

Precize, kion Leono XIII-a antaŭanoncis en tiu Encikliko, tio ja tro konfirmiĝis. Kontraŭ la sankta institucio de la edziĝo, la atakoj estis tiel furioza, la malobeoj de ĝiaj leĝoj estis tiel oftaj kaj tiel ĝeneralaj, ke la popola konscienco estis pro tio nebuligita kaj ke la sociaj aŭtoritatoj montris spiritkonfuzantajn indulgojn por la plej malbonaj ekcesoj.

Al tiuj eraroj kaj al tiuj malbonoj nuntempaj Lia Papa Moŝto Pio XI-a volas alporti la taŭgan rimedon, « eligante el lia trezoro malnovajn kaj novajn aĵojn ».

★

Li tion faros laŭ la tradicia metodo de la Eklezio. Unue la pleneco de la vero. De tiu edziĝo, kion oni volas forigi, funde aliigi aŭ modifi kiel ĝi estus homa institucio, li rememorigas la dian originon: Dio estas ĝia elpensinto, Kristo ĝia restariganto. La geedzoj, sendube, estas vere la fondantoj de sia familio; ili faras sian edziĝon, sed, en la momento mem kiam ili ĝin efektivigas, ili troviĝas submetataj al la leĝoj de la institucio, kies ili estas por si mem la profitantoj kaj la efektivigantoj.

En tiu granda lumo de la nepra doktrino, la Papo tuj nun klarege montros la bonegecon de la kristana edziĝo, kies triobla bonfaron rilate al la infanoj, rilate al la geedza fido, rilate al la sakramento li tuj sciigos laŭ la instruoj de sankta Aŭgusteno.

Rilate al la infanoj: ilia naskigo estas la ĉefa celo de la edziĝo, sed ankaŭ ilia edukado kaj klerigo. Rilate al la geedza fido, ĉasta fideleco, kiu respektas la dian verkon, kies kunagantoj estas la geedzoj, ne profanante ĝin ekstere de la geedzaj seksrilatoj; ama fideleco, de amo pli forta ol la pli malpli efemeraj emoj de la sento, de amo, kiu montriĝas pere de reciproka helpo meze de la laboradoj de la nuntempa vivo, sed precipe per reciproka kunagado de la ambaŭ geedzoj por ilia respektiva sanktiĝo; tuta fideleco, kiu realiĝas en la kristana hejmo tion, kion sankta Aŭgusteno belege nomas la ordo de la amo, per kiu la primateco de rego, asignita al la edzo kaj patro harmoniiĝas kun la primateco de amo, kiu estas la destinitajo de la virino kaj patrino. Fine rilate al la sakramento: en kiu sankta Aŭgusteno volas, ke estu unue konsiderata la geedza nerompebleco, sendube ĉar ĝi estas la esenca karaktero de la kontrakto kiu, altigita de Kristo ĝis la indeco de sakramento, fariĝis la signo kaj la kaŭzo de la speciala graco de la edziĝo. La Papo priskribas la grandecon de tiu speciala graco de la edziĝsakramento, kiu estas ne nur kreskigo de la sanktiga graco, sed senĉese ŝprucĉanta fonto de aktualaj gracoj, kiuj estos certe donataj al la geedzoj dum la tuta daŭro de ilia geedza vivo, kaj kiuj estos ĉiam proporciigataj laŭ la necesoj kaj malfacilajoj iaj ajn de ilia ekzistado. Oni devos memori pri ili, kiam oni aŭdos paroli pri iaj neplenumeblaj devoj — pri kies plenumebleco, dank' al la graco, baldaŭ parolos la Suverena Pontifiko.

★

Estas kontraŭ tiu edziĝo, ke furioza batalo ĉirimede okazas: parolado, verkado, romanoj, teatrajoj, kinematografajoj, radio-dissendoj. Samtempe, per la samaj rimedoj, oni laŭdegas, aŭ almenaŭ senkulpigas la edziĝorompon kaj la plej grandajn malmoralajojn. Inter la instigantoj de tiu militiro, unuj malkonture deklaras, ke ili ne sukcesis malkovri en la naturo iajn ajn signojn de la edziĝo: ili nur ekvidis kapablon naskigi kaj la viglecon de la instinkto esence propra al tiu kapablo. Aliaj konsentas, ke la naturo montras ĝermojn de edziĝo, laŭ tiu senco ke ili akceptas la nerompeblecon de la geedza unuiĝo kiel situacio favora por la edukado de la infanoj kaj por la kreskado de la homaro: sed tiu nerompebleco estas por ili nur homa elpensaĵo, kiu transsuperas la ĝermojn ekviditajn en la naturo.

La konsekvencoj, kiujn la unuj kaj la aliaj deduktas el siaj teorioj, sufiĉus por taski iliajn sistemojn. Unua estas, ke la homoj estas liberaj ŝanĝi institucion, rezultato de ilia volo aŭ iluzio. Alia estas, ke, en ia ajn hipotezo, la naskiga kapablo ne povas esti retenata en la limoj de la edziĝo kaj ke oni tute ne devas reteni ĝin en ili. Sed la juĝodeflankiĝo konkretiĝas en tiuj falsajoj de la edziĝo, kies nomoj estas: *portempa edziĝo, prova edziĝo, amika edziĝo.* La du unuaj estas sufiĉe klaraj. La tria signifas — laŭ klarigo de tiuj, kiuj ĝin elpensis — ke la viro kaj virino, kiuj tiamaniere unuiĝas, uzas ĉiujn edziĝajn rajtojn, sed ne akceptas ĝiajn devigojn: tio signifas forigon de ĉiu naskigo tiel longe kiam ve ra edziĝo ne estos anstataŭinta la amikan edziĝon.

Sed la Papo ne nur faras tiun ĝeneralan skizon. Li volas profunde priskribi la erarojn kaj devojiĝojn, por malsukcesigi la unuajn kaj brulstampi la duajn. Nu, ĉar la bonfaroj de la vera edziĝo resumiĝas en la *infanoj,* la *geedza fido* kaj la *sakramento,* la malbonfaroj de la pereiga propagando kontraŭ la kristana edziĝo same enviciĝas ankaŭ sub tiu triobla aspekto.

Inter tiuj malbonfaroj, unu el la plej malbonaj estas certe tiu, kiu konsideras la infanon kiel malamiko kaj volas eĉ malebligi ĝian naskiĝon. Ĝenulo de la geedza unuiĝo, diras la cinikuloj. Ni povas, diras la timemuloj, nek observi la ĉastecon, nek akcepti — pro nia sana aŭ financa stato — perspektivon de naskiĝo. Sed neniu pravigo, deklaras la Papo ne povas ŝanĝi esence kontraŭnaturan agon en honestan agon. Kaj ĉar « kelkaj, evidente erarforiĝante de la kristana doktrino tia kia ĝi estis transdonita de post la komenco kaj sen ŝanĝo, antaŭnelonge opiniis oportune prediki pri tiuj praktikoj alian doktrinon, la katolika Eklezio, komisiita de Dio mem por instrui kaj defendi la tutan honestecon de la moroj... laŭte ekparolas pere de Nia buŝo, kiel signo de ĝia dia misio, por gardi la ĉastecon de la geedza ligilo kontraŭ ĉiu makulo, kaj ĝi denove proklamas: ke ĉiu ia ajn uzo de la edziĝo, en kiu aktiveco, pro artifiko de la homoj, la ago estas senigita de ĝia natura efiko por naskigi, ofendas la Dian leĝon kaj la naturan leĝon, kaj tiuj, kiuj tiele kondutis, grave pekis ».

Laŭ la energio de tiuj paroloj diritaj pro lia suprema aŭtoritato, oni antaŭsentas la firmecon, kun kiu la respekteginda aŭtoro de la Encikliko *Casti connubii* denuncas kaj kondamnas iajn teoriojn kaj iajn pratikojn, kiuj celas la aborton: tiujn, kiuj pretekstante « emancipi » la virinon, volas ŝin liberigi je ŝiaj nepraj devoj; tiujn, kiuj akceptas la edziĝokontrakton nur kiel civila akto, provas pravigi la edziĝorompon.

Devo estas legi tiujn enciklikajn paĝojn, plenplenajn de tiel supera racio, de tiel subtila psikologio, de tiel sperta informiĝo, kies aŭtoritata tono estas vere tiu, kiu konvenas al la Vikario de Jesu-Kristo. Sed se la Papo en ili parolas — por defendi la doktrinon kies gardon al li komisiis la Majstro — *tanquam auctoritatem habens,* li ankaŭ uzas tonojn de kortuŝa boneco patra por la virinoj, por la patrinoj, kiuj preferas la plenumadon de sia devo al sia vivo mem.

Tio ne estas la sola punkto, kie tiu grava parolo sin montras profunde homa, samtempe kiam ĝi sentime rememorigas tiel superajn devojn. Ni ne celas nur la tiel nuancriĉajn precizojn, per kiuj Lia Papa Moŝto Pio XI-a defendas — eĉ laŭ la ordo de la plibonaj adaptoj leĝaj — la veran indecon de la virino. Kaj ni pie kaj dankeme legu la trian parton, kiu enhavas la priskribon de la kuraciloj por tiel gravaj eraroj kaj por tiel grandaj malbonoj.

En ĝi vi unue rimarkos, zorge detaligitajn, la supernaturajn singardojn, kiuj, lokigante la geedzojn sub la influon de la graco, certigos al ili la gracojn postulatajn de iliaj grandaj devoj. Vi estos poste impresitaj per la precizo kun kiu la Papo proklamas, post Leono XIII-a la sociajn respondecojn de la publikaj aŭtoritatoj, la sanktan karakteron de la salajro, kiu devas provizi sufiĉan vivrimedon al la tuta familio, la devojn de la privata karitato al la senhavuloj, la devojn de la Ŝtato por forigi la nesufiĉojn de tiuj helpoj, la gravecon de la moralaj reagoj, kiujn povas kaŭzi la malabundeco de loĝejoj, la senlaboreco, la multekostaj vivrimedoj, ktp.

Vere, kiam la Estro de la Eklezio montras tiel mirindan komprenon de la vivproblemoj — kaj de iliaj solvoj — povas nur okazi, ke li estu respekte aŭdata de la registaroj, kies atenton li tiras al neceso de interkonsento kaj kunlaborado inter la ambaŭ suverenaj potencoj — la Eklezio kaj la Ŝtato — por antaŭgardi aŭ restarigi en la societo la moralecon, kies dekadenco kaŭzas la ruinon de la nacioj.

B. Sienne.

(*La Croix.*)



La edziĝo de la Sankta Virgulino

■ La aŭstra ministro por sociala administrado turnis al la riprezentantaro de la labordonantoj alvokon, ke ili agu laŭ socialaj vidpunktoj okaze de neeviteblaj maldungoj kaj de novdungoj de laboristoj kaj preferu ĉe samaj kvalifikecoj tiujn laboristojn aŭ oficistojn, kiuj alie estus senlaboraj aŭ patroj de familioj.

# Iomete da toleremo



Kelkaj legantoj Germanaj skribis al ni sian miregon pri la raporto pri la balotoj en Polujo kaj trovis en ĝi ofendojn al siaj patriotaj sentoj.

Kompreneble la redakcio de *Katolika Vivo* tute ne volas iel ofendi siajn diverslandajn legantojn. Tamen povas okazi, ke iu aŭ alia opinio de ĝiaj diversaj korespondantoj ne plaĉu al kelkaj. Ni petegas tiujn ĉi ne tuj koleri kaj akuzi la redakcion, eĉ la korespondanton mem je insulto aŭ je mensoga diro. Sed pli ĝuste pripensu kiom malfacile estas pritrakti temon aŭ raporti pri okazaĵo tute objektive, tute internacie. Kaj montru iom da toleremo.

Pere de nia gazeto ni deziras havigi al la katolikoj la spiritan pacon tiel dezirindan kaj ofte predikatan de la Papo mem. Sed la unua ŝtupo, por aliri tiun korpacon, estas toleremo. Plejofte ja, precipe en tiu gazeto, dirante ion kun nacia sento, oni neniel volas ofendi alian parton, t. e. vin mem. Neniam forgesu tion !

GEORGES RAMBOUX,
*presbitero.*

## La sensacio de la Papa encikliko pri la edziĝo

La encikliko *Casti connubii* de Pio XI-a kaŭzis grandan sensacion en ĉiuj medioj de la tuta mondo. La katolikoj trovas en ĝi la resumon de la Eklezia doktrino pri la kristana edziĝo kaj rajthavajn respondojn al multaj nuntempaj demandoj. La instigantoj kaj propagandistoj de la modernaj teorioj falsaj pri la edziĝo estas konsternitaj per la sentimaj deklaroj de la Papo. En Usono ili respondas per insultoj. La protestantaj medioj jaluzas la katolikan doktrindisciplinon. Jen eltirajo el la angla ĵurnalo *The People* (11 januaro 1931) kiu bone spegulas la sintenadon de la angla gazetaro al la Papa encikliko.

« La encikliko de la Papo pri kristana edziĝo verŝajne kreos ventegon de polemiko. Lia speciala kaj absoluta denuncado de naskkontrolo iaspeca, nepermesos argumenton aŭ eviton por tiuj, kiuj obeas la Vatikanajn ordonojn.

« Ni ne alprenos ian ajn vidpunkton rilate al ĉi tiu malfacila demando. Ŝajnas al ni, ke ĝi estas afero por kiu, ĉiu honesta persono devas decidiĝi por si mem.

« Samtempe ni ne povas detrui nian admiron pri la nediskutebla « Jes kaj Ne » pri ĉiuj aferoj polemikaj.

« La Eklezio, kiu enkalkulas inter tri kaj kvar cent milionojn da kredantoj, ne prenas rifuĝon en singardema kompromiso. Ĝi donas kuraĝan gvidon al ĉiuj el siaj gefiloj.

« Ni ne tenas instrukcion por la Vatikano, kaj ankaŭ ni ne povas akcepti la neeraremajn dirajojn de la posteulo de sankta Petro. Sed ni scias, ke la mondo bezonas fortan neŝanceleblan gvidon nuntempe, kaj tiusence estas refreŝige aŭdi tiel necedeman dogmecon ĵetatan al la mondo, de la sidloko de kristaneco. Ja estas tre rimarkinda kontrasto rilate la dividigitajn vidpunktojn, kaj singardaj dirajoj de niaj propraj (anglikanaj) episkopoj, kiam ili antaŭ nelonge konsideris la saman malfacilan problemon. »

Okaze de la leĝstudo favora al la multinfanaj familioj, S-ro Coutel, deputito, faris, la 22 januaro, tre kompletan pristudon de la encikliko *Casti Connubii*, en la Deputĉambro. Tiamaniere la Papaj paroloj estis aplaŭditaj de ĉiuj veraj amikoj de la familio.

# LETERO EL ANGLUJO



KATEDRALO DE WESTMINSTER
En la medaliono : Kardinalo Bourne.

### Grava kunsido de katolikaj geinstruistoj

Prelegon plenan de kuraĝo kaj neŝanceleblo diris F-ino Manning, okaze de ŝia prezidantiĝo en la ĉijara konferenco de la Federacio de katolikaj geinstruistoj. Parolante kiel instruistino, kiu jam alproksimiĝas je la finon de longa kariero, F-ino Manning pritraktis la fruajn baraktojn por katolika edukado dum la pasintaj jaroj. Vera katolika spirito triumfis tiutempe super la tiamaj malfacilaĵoj, kaj la sama spirito, ŝi pludiris, venkos la nunajn dum ĉi tiu krizo.

La delegitoj, kiuj venis el ĉiu parto de la lando, firme rediris la postulon de la Eklezioj, tio estas, ke subvencioj donitaj de la ŝtato al la ŝtataj lernejoj, por ke ili povu alĝustigi siajn lernejojn laŭ postuloj de la edukadaj ĉefestroj, devas ankaŭ esti donataj egalsume al la katolikaj lernejoj.

La nuna pozicio rilate la edukadajn aferojn estas, ke konferenco de la ĉefinteresuloj, pri kiuj temas en la nova edukada dekreto, okazis la 13 januaro, — semajno antaŭ ol la Parlamento denove kunsidos.

Sir Charles Trevelyan, ministro por la Edukado, kunvokis la konferencon, por diskuti la malfacilaĵojn, kiuj ĉirkaŭbaris la situacion, kiam la debato prokrastiĝis pro la ago de kvardek laboristaj parlamentanoj, kiuj minacis voĉdoni por prokrasti la leĝiĝon de la nova edukada dekreto, ĉar ili opinias ĝin esti tute nejusta al la ekleziaj lernejoj.

Kardinalo Bourne petis la preĝojn de la fidelularo en sia eparĥio, por la sukceso de la suprecitita konferenco.

### Katolika parlamentano ricevis kavalirecon

En la listo de novjaraj honoroj troviĝas la nomo de S-ro James Sexton, C. B. E. ; M. P. por St. Helens li ricevis kavalirecon.

Sir James naskiĝis en Newcastle, en 1856, sed baldaŭ translokiĝis en St. Helens. Kiam li atingis la okan jaron, li komencis labori en la tiuloka vitrofabrikejo, sed 14-jara li kiel kaŝvojaĝanto surŝipe iris al Ameriko. Tie li spertis la vivon sur la stepoj de tiu lando. Reveninte en Liverpool, je la aĝo de 23 jaroj, li laboris en la dokoj. Poste li estis elektita membro de la civita konsilantaro de Liverpool. En 1918, li estis elektita parlamentano por St. Helens, kaj de tiu tempo li daŭre riprezentas tiun urbon. Li estas membro de la ĝenerala konsilantaro de la Metiista Unuiĝo.

Krome lia politika sukceso, Sir James spertis ankaŭ literaturajn sukcesojn, ĉar li ja estas aŭtoro kaj poeto, verkinte teatraĵojn feliotonojn kaj multajn poeziojn.

### La orgeno de Westminster-katedralo preskaŭ finkonstruita

Al neprofesia orelo, kaj eĉ kelkafoje al kompetenta muzikisto la grandorgeno en Westminster-katedralo sonas tute kompleta, sed tio ne estas.

La konstruisto ĵus sciigis, ke ĝi ankoraŭ bezonas iom de ekipo, kaj la kosto por kompletigi ĝin estos proksimume £ 1.683, sed li povos finkonstrui ĝin, sen interrompo de luduzo.

Kardinalo Bourne, en letero enpresita en la *Westminster Cathedral Cronicle*, skribas, ke ĉiam ekzistas sento de malkontentigo en la penso pri nekompleta tasko ; do li senhezite petas la monrimedojn, por finkonstrui la gravan instrumenton, jam la plej granda en iu ajn katolika katedralo.

LEO DUKES.

## La Biblio de Olivarez

Duko de Alb, la nuna ŝtata ministro de la hispana registaro, estas erudiciulo kaj libramanto. Oni al li ŝuldas la publikigadon, antaŭ kelkaj jaroj, de la fama Biblio de Olivarez, kies manuskripton li posedis. Ĝi estis eldonita nur malmultnombre.

La valora kaj kurioza manuskripto estas la traduko de la Malnova Testamento el hebrea en kastilan lingvon farita de rabeno Moizo Arragel de Guadalajara, kaj datumas de 1430. Dum multaj jaroj tiu manuskripto estis severe gardita de la Inkvizicio. Sed, en 1624, la granda inkvizitoro, Andreo Pacheco ĝin donacis al Grafo de Olivarez, potenca ministro de Filipo IV-a, kies fama portreto, verko de Velasquez, estas unu el la plej belaj pentraĵoj en la muzeo de Prado. Pro tio oni ĝin nomis « Biblio de Olivarez ». La familio de Alb akiris ĝian posedrajton, en 1868, kiam la bienoj de la Olivarez estis al ĝi transdonitaj.

La manuskripto de la « Biblio de Olivarez », kiu konsistas el 1.838 folioj, estas altege valora. Ĝin ilustras 290 bildetoj koloritaj per oro kaj multaj nuancoj, kies verkistoj estis la pli famaj artistoj el Toledo, vivantaj dum la XV-a jarcento. La dudek-naŭ ĉefliteroj kaj la paĝbordoj, ankaŭ kelkaj bildetoj, estas verkoj de francaj artistoj.

## La XV<sup>a</sup> centjaro de la Koncilio de Efeso

La 22 junio de la jaro 431 okazis la tria Koncilio en Efeso, laŭ ordono de papo sankta Celestino.

Kunsidis iom pli ol 200 episkopoj sub prezido de sankta Cirilo.

La dekretoj difinis, ke en Jesuo Kristo ne estas pli dia persono ol unu, kaj ke sanktega Mario estas la propra patrino de Dio.

La popolamaso ĝoje ekaklamis kaj festis la decidon kantante procesie tra la urbo : *Sankta Mario Dipatrino preĝu por ni pekuloj, nun, kaj en la horo de nia morto. Amen.*

De tiam, ĉi tiu preĝo estas la dua parto de la anĝela saluto.

Lia Papa Moŝto Pio XI-a jus sendis publikan leteron al Kardinalo Sincero, sekretario de la Kongregacio de la Orientrita Eklezio, en kiu li esprimas la deziron, ke la XV-a centjaro de la Koncilio en Efeso estu solene festata en la Eklezio, kaj decidas la starigon de speciala organiza komitato.

Plue la Papo sendis ankaŭ leteron al sia Vikario por Romo, Kardinalo Pompilij, por instigi al grandaj solenaĵoj en la Eterna Urbo.

Certe estas, ke la tuta katolikaro respondos fervore la alvokon de la Papo kaj solene festos speciale la dogmon de la Dia patrineco de Mario.

**En Hispanujo**

En Hispanujo jam iniciatis la programon Pastro Nazario Pérez en la gazeto *Anales de la Pontificia y Real Academia Bibliográfica Mariana* (Jarokazoj de la Pontifika kaj Reĝa Akademio Bibliografia Mariana).

Ankaŭ Lia Episkopa Moŝto Johano Luis Pérez, episkopo de Oviedo, intencas, ke Asturias festu la Dian Patrinecon de Sanktegan Mario ĉe la historia Ĉefsanktejo Kovadongo, per Kongreso Eŭkaristia-Mariana, kiu okazos la 22 junio 1931.

La revuo *Kovadongo* publikigis la alvokon por ĉi eksterordinara okazontaĵo, kaj la katolika junularo preparas sin por honori la Dipatrinecon de Mario, la Virgulino.

FRANCISKO M. RUA.

### La Greka registaro kontraŭ kult-libereco

Laŭ informo de la Pres-Agentejo Havas uniataj ĉefepiskopo kaj pastro estos baldaŭ juĝataj por respondi akuzon pri konvertigo de ortodoksuloj al Katolikismo.

Cetere oni jam scias, ke la greka registaro ekkomencis lernejan batalon kontraŭ la katolika Eklezio, pretekstante sin defendi kontraŭ fremlanda influo.


KATOLIKA VIVO
DUSEMAJNA GAZETO INTERNACIA

DIREKCIO kaj REDAKCIO
22, Cours Albert-Premier — PARIS-VIII
Telefono : Parie-Elysées 85-84
Telegrama adreso : Ramboux, Croibayar-Paris-86

ADMINISTRACIO
22, Cours Albert-Premier — PARIS-VIII
Poŝta ĉekkonto : Ramboux Georges, Paris nº 281.40

ABONPREZOJ :

| | jara | duonjara | kvaronjara |
|---|---|---|---|
| Por Francujo kaj ĝiaj Kolonioj . . fr. fk. | 30.— | 16,— | 8.50 |
| Por landoj kun rabata poŝttarifo . fr. fk. | 35.— | 18.50 | 9.75 |
| Por aliaj landoj fr. fk. | 40.— | 21.— | 11.— |

La abonoj komencas la 1-an de ĉiu monato.
Ĉiu abonanto al *Katolika Vivo* ricevas ankaŭ la monatan revuon ilustritan *Espero Katolika*.
La abono daŭras, se ni ne ricevas kontraŭmendon, kaj sekve ĝi estas tuj repagota.

Oni abonas aŭ reabonas :

1-e Rekte al la administracio de la gazeto, ĉu per nia poŝtkonto (Ramboux Georges, Paris nº 281.40), ĉu per naciaj bankbiletoj aŭ bankĉekoj, pageblaj en Parizo, sendataj en registrigita letero ; ankaŭ per internacia poŝtmandato.

La posedantoj de poŝtĉekkonto en la sekvantaj landoj : Aŭstrujo, Belgujo, Ĉehoslovakujo, Danujo, Danzigo, Franca Okcidentafriko, Germanujo, Hungarujo, Jugoslavujo, Luksemburgo, Maroko, Nederlando, Saarteritorio, Svedujo, Svisujo kaj Tunizio, povas pagi per internacia poŝtĉektransigilo al franca poŝtĉekkonto nia.

2-e Pere de la enlandaj abonejoj ĉi-sube menciitaj, sammaniere aŭ per ilia poŝtkonto :

*Por Anglujo* : S-ro J. E. Hookham, 45, Holmesdale Road, en Teddington (Middlesex).
*Por Aŭstrujo* : S-ro Karl Dürschmid, Herrengasse 23, Graz. Poŝtkonto nº 122.791.
*Por Belgujo* : S-ro César Vanbiervliet, Audenaerdesteenweg 100, Kortrijk. Poŝtkonto nº 2289.27.
*Por Ĉehoslovakujo* : S-ro Fr. Kozel, Trebizského 474, Praha-Koŝire. Poŝtkonto nº 89.927.
*Par Germanujo* : S-ro J. Thomalla, Harsdoferstr. 7 k. Magdeburg-W. Poŝtkonto nº 9.728.
*Por Hispanujo* : Pastro Font Giralt, Seminario de Santa María del Collell, Gerona-Bañolas.
*Por Irlando* : S-ro H. McNiel Macauley, 1, Wellington Quay, Dublin, C. 4.
*Por Nederlando* : S-ro P. A. Schendeler, Prins Hendrikstr. 30ª, en Eindhoven. Poŝtkonto nº 77.739.
*Por Polujo* : S-ro M. Janik, Ŝwierklany-Dolne (Rybnik). Konto P. K. O. 303.779, Katowice.
*Por Svislando* : S-ro K. Jos. Haas, Adligenswilerstr. 4, Luzern. Poŝtkonto : VII 3.883.

# Ses tagojn en la tendaro de la ruĝaj trupoj

## en Kiang-fu (Ĥinujo)

La Agentejo "Fides" sciigis jenon pri la kortuŝa aventuro de Msro Mignani kaj de Pastroj Breuker kaj de Jenlis, lasttempe alvenintaj en Shanghai.

Msro Mignani, episkopo de Kiang-fu, kaj Pastroj Breuker kaj de Jenlis, kaptitaj en Shanghai, la 5 oktobro lasta, kaj kiuj estis reliberigitaj de la «ruĝa» armeo de Kiang-si, estas alvenintaj en Shanghai, el de Kiukiang, kie Agentejo "Reuter" rimarkigis ilian transiron ankaŭ kelkaj tagoj.

Kiel oni jam scias, la misiistoj estis reliberigitaj nur kondiĉe, ke ili iru en la ĉefurbon de la «imperialistaj kaj kapitalistaj fremduloj» por akiri monsumon por sia propra realĉeto kaj por tiu de franca pastro, de tri italaj pastroj, de kvar alilandaj religiulinoj kaj de kvin ĥinaj religiulinoj, kiujn la komandanto de la komunistaj trupoj gardas kiel ĝis kiam li estos ricevinta la monsumon de 600.000 dolaroj.

Ni sukcesis renkonti, en la ĉefresidejo de la Lazaristoj, la bravan Pastron de Jenlis, kiu rakontis al ni la tragediajn horojn de li vivitajn en Kiang-fu kune kun Msro Mignani kaj la aliaj pastroj de la episkopejo, de post la okupo de la urbo pere de la «ruĝuloj».

Diris Pastro de Jenlis, kiu, malgraŭ la spertitaj suferoj, ankoraŭ ridetas: «Estas Generalo Ten Ing, komandanto de la 13-a registara divizio, kiu prenis sur sin defendi la urbon Kiang-fu; li estis fosiginta multnombrajn tranĉeojn ĉirkaŭ la urbon. La komunistaj trupoj senaverte ekaperis, la 4 oktobro, je la 4-a matene. Tuj ekkomencis la batalo. Ambaŭflanke oni furioze batalis. La «ruĝuloj» estante sukcesintaj militakiri la ĉefajn defendpostenojn, la registaraj soldatoj rapide retiriĝis. Ni neĝuste sciis, kio tiam okazis kaj nur en la lasta minuto ni ekprovis forkuri.

«La episkopejo estas situata ĉe la limoj de la urbo. Oni estis ĵus anoncinta al ni, ke la soldatoj forprenis por si mem ĉiujn disponeblajn ŝipojn, kaj, en tiaj kondiĉoj, ĉiu forkuro-provo estis sukcesduba.

«Tamen Msro Mignani kaj itala pastro rifuĝis en konstruaĵon, kie ni instruis la kateĥismon, situatan interne de la urbo; mi mem sukcesis rifuĝi ĉe kristanojn.

«Je la 10-a matene, la venkintoj triumfe eniris la urbon. Kiam ili estis okupintaj la strategiajn lokojn, kie dejoris nenombraj taĉmentoj, la komunistaj kamparanoj, per lancoj armitaj, pro kia ilies alnomo «ruĝaj lancoj», ekaperis en la urbon.

Laŭ postaj informoj, tiuj «ruĝaj lancoj» estas la delegitoj de ĉiuj lokaj sovetoj de la regiono. Tuj kiam komunistaj trupoj militokupas vilaĝon, ili kunvenigas la kamparanojn por starigi «soveton». La delegitoj de tiu soveto poste akompanas ilin ĝis la plej proksima urbo, por tie serĉi siajn samvilaĝanojn, kiuj forkuris antaŭ la alveno de la «komunistaj savantoj». En Kiang-fu la «ruĝaj lancoj» rapide laboris. Ili esploris ĉiujn domojn kaj kompreneble profitis la okazon por forrabi ĉion. Ĉiuj «kontraŭ-komunistoj» estis senkompate mortigitaj. Estis verŝajne pro tio, ke estis buĉitaj du ĥinaj pastroj. Cetere tiu masbuĉado daŭris kelkajn tagojn, kun proksimume 150 viktimoj ĉiutage.

«Kelkajn horojn post la militakiro de la urbo, «ruĝaj lancoj» vizitis la hospitalon de la religiulinoj. Post kiam estis altrudintaj per mortminaco al la eŭropaj religiuloj pagon de 3.000 dolaroj, ili ĉiujn forkondukis al la ĝenerala stabejo de la komunista armeo.

«La generalo estante ordoninta transporti en la hospitalon ĉiujn vunditojn, kiuj estis proksimume 600, la religiulinoj estis resenditaj al la episkopejo kaj minacordonitaj fari la bandaĵojn.

«La ruĝaj kamparanoj malkovris la kaŝejon de Msro Mignagni. Ili sovaĝe kaptis lin; post kiam ili estis ŝnure ligintaj liajn manojn kaj piedojn, ili promenigis lin tra la urbo, lin batante per ferstangoj. Vespere Msro Mignani estis metita en malliberejon, kie jam estis ĉiuj aŭtoritatuloj urbaj kaj kelkaj oficiroj de la 13-a divizio kaptitaj. Msro Mignagni, kiu estis vundita ĉe la piedoj kaj manoj, estis ligita ĉe tablopiedon, same kiel hundo. Kaj poste oni anoncis al li, ke li baldaŭ estu kondukata antaŭ la komunista juĝantaro de Kiang-fu.

«Alkondukita ja antaŭ la komunista juĝisto, tiu lin abrupte alparolis jene: «Ni ne volas religion en nia teritorio; ni ne estas malamikoj al la Potencoj, kun kiuj male ni estas pretaj samrajte kontrakti, sed ni rigardas la misiistojn kiel avangardio de la imperialistoj kaj ili devas foriri. Tiufoje, kiel averto, vi estos punata nur per monpuno, kiun ni fiksos.»

«Post tiu parolado, Lia Episkopa Moŝto estis eskorte kondukita en la hospitalon, por tie flegadi la vunditojn.

«La morgaŭon, dank' al interveno de ĥina kuracisto, iu Tcheng, ni povis eliri el niaj kaŝejoj kaj atingi la hospitalon por tie plenumi flegistan oficon.

«Nur unu juna misiisto itala, Pastro Purino, alveninta en Kiang-fu antaŭ nur ses monatoj, estis restanta en malliberejo. La «ruĝaj lancoj» por sendi lin al la hospitalo postulis tujan pagon de 20.000 dolaroj, monsumon, kiun kompreneble ni tute ne havis. La 11 oktobro ni sendis leteron al la kolonelo de la komunista divizio, por peti la reliberigon



PASTRO WAGUETTE,
misiisto, kiu restis kvin monatojn en la ĥinaj komunistaj malliberejoj, kaj kiu revenis en Hong-Kong preskaŭ mortanta.

de Pastro Purino. Tiu ĉi petskribo tiele efikis, ke la militista guberniestro koleris kaj tuj ordonis al polica taĉmento iri al la hospitalo por nin aresti kaj ree meti en malliberejon.

«Nur la 13 oktobro, post longdaŭraj pridiskutoj, la definitiva sumo por nia reaĉeto estis fiksita je 600.000 dolaroj.

«La civila guberniestro, 28-jara junulo, kies nomo estas Yang, venigis nin antaŭ li, por elekti tiujn el ni, kiuj estos komisiitaj por akiri la reaĉetsumon en Shanghai.

«Li havigis al ni pasporton. «Vi renkontos trupojn de Tchiang Kai-chek, al ni diris la guberniestro Yang kun multe da ĝentileco, en la direkto de Tchangchow, je 120 klm. de ĉi tie. Kun tiu pasporto vi nenion riskas. Se oni arestus vin, ĝin montru kaj tuj oni permesos al vi pluiri. Por reveni, mi esperas, ke vi ne estos devigataj uzi la saman vojon, ĉar ĝis tiam, mi opinias, ke ni estos mastroj de Nantchang kaj de Kiukang...»

«La 15-an matene, aldiris nia interparolanto, ni veturis per porfiŝkapta ŝipeto sur la Kan-rivero kaj en la ĉirkaŭaĵoj de Tchangchow ni ja renkontis soldatojn de Nankin.

«Laŭlonge de la vojo ni estis haltigitaj de ruĝaj soldatoj, kiuj post ekzameno de nia pasporto, permesis al ni daŭrigi la vojaĝon.»

Aldonu ni, ke de post la foriro el Kiang-fu de Msro Mignani kaj de Pastroj Breuker kaj de Jenlis, la francaj kaj italaj misiistoj estis alkondukitaj ĉe la alia riverbordo, por flegi vunditojn en milita hospitalo starigita de la komunistoj, kiuj lasttempe suferis gravajn perdojn.

Estis la 14 matene, ke la du ĥinaj pastroj, Paŭlo Tcheng kaj King estis buĉitaj en Kiang-fu de la «ruĝaj lancoj». De Kiang-fu ĝis Tchangchow la misiistoj konstatis ke la ruĝaj regimentoj, kiuj okupas tiun regionon, estas taŭge ekipitaj kaj tre disciplinitaj. La ĉeesto de multaj agentoj de la 3-a Internacio estas sendube la kaŭzo de tia organizaĵo.

# LETERO EL AŬSTRUJO

### Diversaĵoj

En Wien mortis antaŭ nelonge la konata esploristo de la Biblio P. Leopold Fonck S. J., dum longaj jaroj prezidanto de la papa Biblio-Instituto. Li naskiĝis, en 1865, en Wissen (distrikto Düsseldorf) kaj eniris, en 1892, la Societon de Jesuo. Post plijara instruado de Bibliekzegezo en la universitato de Innsbruck li estis vokata de Pio X-a, por kunlabori ĉe la fondo de la papa Biblio-Instituto, kies unua rektoro li fariĝis. Pli ol naŭ jaroj laboris P. Fonck en ĉi tiu ofico. En la jaro 1922 li transloĝiĝis Praha-on por tie efektivigi kelkajn fakajn laborojn. Lia neatendita morto estas grava perdo por la Biblioscienco. El liaj germanlingvaj sciencaj verkoj estas menciindaj: «La batalo pro la vero de la Sankta Skribo depost 25 jaroj» (1905); «La sekretoj de la vivo de Jesuo» (1906); «Katolika mondpercepto kaj libera scienco» (1908); «Modernaj Bibliodemandoj» (1917) kaj «La lumo de la mondo» (1918). Granda nombro de liaj sciencaj eldonaĵoj aperis en latina lingvo.

Sur Hungerburg, altaĵo en la nordo de Innsbruck estos konstruata malgranda preĝejo honore al sankta Tereso de Jesu-Infano, kiu estos rimarkinda pro la maniero, laŭ kiu estis transportata la materialo al la loko de la konstruo. La brikoj estas portataj sur la monton de piaj pilgrimantoj. Ĝis nun tiamaniere transportiĝis alten 25.000 el la proksimume 100.000 necesaj brikoj; el ili komerca oficisto sole transportis 300, universitatstudanto 500 brikoj. Ankaŭ societoj kaj organizaĵoj, ja eĉ unu kompanio da soldatoj partoprenis en la transporto.

La katolika Agado de la junakademianoj en Wien aranĝis en novembro, en la abatejo Heiligenkreuz, apud Wien, religian universitatkurson kun la ĉeftemo: «La Eklezio kiel ideo, aperaĵo kaj tasko». En la paroladoj kaj laborkomunumoj estis pritraktitaj jenaj apartaj temoj: De la plej interna senco de la Eklezio; La Eklezio kiel societo de la Sanktuloj; Prakristanismo kaj Eklezio; Eklezio de la rajto kaj Eklezio de la amo; La plej nova historio de la papoj; La aŭstra eklezio-historio depost la konkordato; Eklezio kaj kulturo. Parolis i. a. Univ. Prof. P. D-ro Schmidt, S. V. D., Univ. Prof. D-ro Ernst Tomek, la animzorganto de universitatstudentoj D-ro Karl Rudolf, Prof. D-ro M. Pfliegler, P. Georg Bichlmair, S. J.

La nunjara ĉefkunveno de la gvidantoj de la aŭstra katolika skoltkorpuso Sankta-Georgo en Salzburg povis konstati ĝojigajn progresojn de la katolika skoltmovado en Aŭstrujo. La korpuso nuntempe nombras preskaŭ 3.600, kun la neregistritaj novuloj pli ol 5.000 membroj. La naturaj edukvaloroj de Skoltismo pli profundiĝas kaj pli radikiĝas en la katolika skoltmovado en la spirito de la kristana edukado.

### Kongreso de la Katolika Agado en Salzburg

En Salzburg okazis de la 18 ĝis 20 novembro 1930 la kongreso de la delegitoj de la Katolika Agado en Aŭstrujo. Prezidis Lia Episkopa Moŝto D-ro Waitz, kiel reprezentanto de la aŭstra episkoparo. La solenan Diservon faris dum la 3 tagoj sufragano D-ro Filzer, Salzburg. La unua kongrestago estis dediĉata al la temo «Influo al la popolo en la ĝusta spirito» kaj postulis de instruantoj kaj aŭdantoj malfacilan penslaboron. Antaŭtagmeze estis dum kvar horoj ses paroladoj kaj posttagmeze de la 15-a ĝis 18-a konferencoj en kvin rondoj. Ili prilaboris pli detale la temojn de la antaŭtagmezaj paroladoj kaj decidis pri esencaj direktivoj. Pri «Ĝenerala kleriglaboro» la konferenco jene decidis:

1. La katolika popolklerigo estas laŭsence organa, formanta klerigo de la tuta homo al personeco kaj al komuneco el la katolika mondpercepto.

2. Nur popolklerigado, bazita en sia tuta amplekso sur «Naturo, homo kaj Dio» povas percepti la tutan homon kaj antaŭ ĉio gvidi al pozitiva profesipercepto kaj plenumado.

3. La grandurba katolika popolklerigo estas en unua vico klerigo de laboristoj kaj oficistoj, kiu devas esti laŭ la pens- kaj vivmaniero de ĉi tiu popolrondoj. Apud kaj en plej intima kunlaboro kun moderna porlaborista animzorgado ĝi estas la plej bona vojo, por regajni la fremdiĝintan laboristaron.

4. Familio kaj Eklezio estas nuntempe kiel en ĉiuj tempoj la plej fortaj kaj plej profundaj klerigfortoj. Organizado kaj puraj popolkleriginstitucioj kompletigas ilin en la nuntempo.

La familio kiel natura bazo de ĉiu klerigo estu certigata kaj konservata per ĉiuj rimedoj. La popolklerigado pro tio rigardas la edukadon al la familio sian plej gravan taskon.

En la Eklezio la popolklerigado ne nur vidas la gardanton de la plej altaj religiaj kaj spiritaj valoroj, sed ankaŭ la lastan remparon kontraŭ la disfalo de vera komuneco, la intelekta malkombiniĝo kaj la elradikiĝo de la homo de la grandurbo.

La trapenetrado de nia societa vivo kun la vera, moderna popolkleriga pensmaniero estas tasko, same grava por la societa vivo kiel por la popolklerigado.

Apud la popolklerigo societa laboro montriĝas la popoluniversitato kiel urĝa necesaĵo. Kiel centra, al ĉiuj komuna instituciо ĝi atendas la plej fortan subtenadon el ĉiuj katolikaj rondoj.

La neŭtralaj popolkleriginstitucioj estu laŭeble trapenetrataj per katolika spirito.

La plej grava rimedo por pliprofundigo de katolika laboristo-klerigado estas krom la subtenado de la klerigadklopodoj de la sindikatoj kaj laboristaj societoj la starigo de hejmpopoluniversitatoj por la industriloĝantaro (vesperaj hejmpopoluniversitatoj por la profesie okupata, kaj hejmpopoluniversitatoj por la senlabora junularo).

5. De la dungo de klerigreferentoj en ĉiuj organizaĵoj kaj ties faka instruo en la ĝusta popolkleriga pensmaniero dependas unuavice la laŭsistema kaj organiza efektivigo de la popolklerigado. *La unua kurso por popolklerigantoj jam en plej proksima tempo estu aranĝata.*

6. La katolika polpolklerigo estas esenca laborkampo de la Katolika Agado, konservante sian fakecon kaj memstarecon.

7. La katolika popolklerigado servigu al si pli ol ĝis nun la ligoŝtatajn popolklerigrimedojn.

Pri la temo «Teatro» la konferenco decidis jene:

La Katolika Agado alvokas la katolikojn je pli forta partoprenado en la teatro. Nur interesiĝo de ĉiuj katolikaj popolrondoj pri la profesia teatro ebligos altigon de la arta kaj etika nivelo de la teatro. *La organizaĵoj de la publiko por la regula vizito de la teatro (artofiĉejo k. s.) estu evoluigataj, aŭ kie ili ankoraŭ ne ekzistas, tiaj nepre estu fondataj.*

La graveco de la laika teatraĵo ne estu tro malalte taksata, ĝia flegado kaj subtenado ne povas esti sufiĉe varme rekomendata.

Kvankam la kongreso havas gravajn konsiderojn kontraŭ multaj formoj de la societa danco kaj ilin devas rifuzi, ĝi tamen rekonas, ke la flegado de la danco kiel arta esprimilo por la unuopulo kaj en popoleca direkto por la popolkulturo havas grandajn valorojn.

Pri la temo «Popolbibliotekoj» la konferenco jene decidis:

1. La graveco de bonaj katolikaj popolbibliotekoj en nia tempo estas precipe granda. En ĉiu pli granda paroĥo devus ekzisti altvalora, fake bone gvidata popolbiblioteko. Societaj bibliotekoj estu, se ili ne estas precipaj fakbibliotekoj, unuigitaj al unu unueca popolbiblioteko.

2. Tre atente oni zorgu por bona faka instruo de la bibliotekistoj kaj bibliotekistinoj. En la pastraj seminarioj kiel en la instruisto- kaj instruistino-seminarioj oni zorgu por unueca faka instruado de la estontaj pastroj, instruistoj kaj instruistinoj pri bibliotekaranĝo.

3. Kun kontentigo oni konstatas, ke la tri bibliotekorganizaĵoj, ekzistantaj en Aŭstrujo, nome Popollego-halo, Wien I., Renngasse; Biblioteko- kaj legosocieto, Wien I., Habsburgergasse 12, kaj la Borromäus-Societo, Steyr, Michaelerplatz klopodas, veni al ĉiam pli granda unueco.

4. La katolikaj bibliotekoj estas intime ligataj kun la tuta katolika librodemando, al kiu ĉiuj katolikaj gvidantoj kaj popoleduk-antoj donu la necesan atenton.

Pri la temoj «Filmo kaj Radio» la konferenco decidis jenon:

1. La Katolika Agado jesas la per filmo kaj radio por la katolikoj donitaj eblecoj.

2. La Katolika Agado postulas de la katolika filmkomitato, fari ĉiujn paŝojn, por ke

## La koncilio de Toledo (Hispanujo)

Post intertempo de pli ol tri cent jaroj, Kardinalo Segura ĵus revivigis la kutimon de provincaj koncilioj en Toledo. La lasta okazis ja en 1582. Tiu kunvenantaro estis kunvokita de la ĉefepiskopo de Toledo konforme je la nova leĝaro de kanona juro. Sed tiu koncilio ricevas historian karakteron specialan, ĉar ĝi ĉiam montris la intimajn rilatojn inter la Eklezio kaj la hispana monarĥa reĝimo. Tiujn konciliojn, okazintaj je neregulaj datoj de post 400, ĉeestis ĉiam la reĝo, ĉu persone, ĉe pere de riprezentanto. En la lasta kunveno, kiu okazis la 12 oktobro 1930, en la festo de Nia-Sinjoro de la kolono, la nuna reĝo Alfonso XIII-a estis riprezentita de sia filo, la reĝido Fernando.

La princo partoprenis en la procesio, kiu tra la stratoj de la urbo, solene kondukis la episkopoj de la ĉefeparĥio al la katedralo, kie Kardinalo Segura pontifike celebris la la Meson, antaŭ ol laŭregule malfermi la koncilion, en la ĉeesto de la reĝa riprezentanto, de la presbiteraro kaj de multaj fideluloj. Tiu ĉi unua kunveno estis la sola, kiu publike okazis. Ĝi finiĝis per la solena kreddeklaro, kies parolojn aprobis Pio IV-a kaj poste Pio IX-a. Kardinalo Segura unue ĝin legis antaŭ la patriarko de Indio kaj poste akceptis mem tiun de ĉiuj aliaj episkopoj.

## Bonfarantaj Scienco kaj Religio

D-ro Venceslas Szuniewicz forlasis lasttempe la medicinan karieron por fariĝi misiista religiulo. Li baldaŭ forvajaĝos el Pollando Ĥinujon, kie li intencas starigi kurac-postenon en Shun-tek-fu.

Oni jam scias, ke la Polaj Lazaristoj, kongregacio en kiu eniris la kuracisto-misiisto, ĵus ricevis distrikton en la apostola vikariejo de Chengting-fu. La kurac-posteno de Shun-tek-fu estas samtempe la ĉefloko de tiu eklezia divizio, kie jam kvin misiistoj el Krakow laboras por la morala kaj fizika komforto de la indiĝenoj.

Aliparte oni sciigas el Krakow, ke Profesoro Wrzosek, el Poznan, nun organizas medicinajn kursojn specialajn por misiistoj. (*Agentejo « Fides »*).

### La nova radio-stacio de Tumaco kaj la misiistoj

*Tumaco, Kolombio, Sud-Ameriko (Agentejo " Fides ")*. — Lasttempe estis inaŭgurita, en la Guapi-regiono, unu el la plej vastaj riĉaj de la Kolombia Respubliko, radiostacion. Dank' al tiu nova instalaĵo, la loĝantoj de tiu lando estos iomete malpli malproksimaj de la mondcetero. La misiistoj estis ankaŭ tre favoraj al tiu novaĵo; ili apogis la ideon kaj helpis al ĝia efektiviĝo, sin montrante pioniroj de la civilizacio. Tiuj misiistoj estas Aŭgustenanoj.

### Kolombiaj Pastroj misias per flugmaŝinoj

*Tumaco, Kolombio, Sud-Ameriko (Agentejo " Fides ")*. — La lasta misivojaĝo de katolikaj pastroj en la Guapi-lando okazis per flugmaŝinoj; ĝi daŭris nur iomete pli ol unu horon. La sama vojaĝo per boato estus daŭrita kvar tagojn kaj kvar noktojn. Tiel, dank' al la rapideco de la modernaj veturiloj, la evangelia misio estas pli facila kaj eble estas viziti la kristanajn komunumojn malproksimajn de la vojoj kaj riveroj.

---

eble plej baldaŭ estu enkondukata ĝenerala, en tuta Aŭstrujo validanta filmcensuro, sed antaŭ ĉio tia por la junularo.

3. La Katolika Agado prenu kun ĉia energio influon en la evoluigo de la filmkritiko en la gazetaro.

4. La enkonduko de la mallarĝa filmo estu laŭforte progresigata. La uzado de taŭgaj gramofondiskoj estu precipe rekomendata al la katolikaj societoj. La havigo kaj la pruntedonado de tiaj diskoj estu aranĝata laŭeble per centro.

5. Estu celata la kunigo de ĉiuj katolikoj en unuiĝo, simila al la Radioligo, por tianere rezultigi la evoluigon de filmo kaj kino en katolika senco.

6. La katolikaj organizaĵoj restu en plej intima rilato kun la riprezentantoj de la aŭstra Radioligo « Ravag », por tiel havi influon ĉe la programstarigo kaj ĉe la kritiko de la prezentaĵoj.

Oni atendas, ke la gvidantoj de la Radioligo en Wien ankaŭ siaflanke kun la nomotaj riprezentantoj en la liglandoj prenos intiman kontakton.

La duan kongrestagon oni priparolis la ĉeftemon « Junularo, la decida faktoro por la estonteto ». Ankaŭ pri tiu temo sekvis detalaj konferencoj, kiuj faris gravajn decidojn.

Pri la « Lerneja demando » la konferenco jene decidis:

1. Ĉar la interkonfesia lernejo ne konformas al la postuloj de la kredo kaj al la leĝoj de la katolika Eklezio, la katolikajn gepatrojn submetas netolereblajn konsciencriproĉojn, ni postulas, ke la lerneja demando en la senco de la kredopostuloj estu ordigata en plej mallonga tempo per kontrakto inter nia registaro kaj la Apostola Seĝo.

2. Ĉar la katolika lernejo sen katolikaj instruistoj ne estas pensebla, estos la progresigado de la katolika instruista movado laŭ religia rilato, tre grava tasko de la Katolika Agado. La novordigo de la instruista edukado devas esti tiel, ke la vivtenado de la katolikaj geinstruistaj seminarioj estu ebla. La episkoparo estas petata, per la infangroŝo ebligi la vivtenadon de ĉi tiuj institutoj.

3. La Katolika Agado energie postulas financan subtenon de la katolikaj privataj lernejoj el publikaj rimedoj, konforma al la rimedoj, kiuj estas elspezataj por la sama nombro de publikaj lernejoj.

4. Ĉar la dekreto de aprilo 1919 pri la religiaj ekzercoj estas kontraŭ la leĝo kaj grave malhelpas la religian edukadon, la katolikoj postulas la eble plej baldaŭan nuligon de ĉi tiu dekreto per la ministerio por instruaferoj.

5. La dekretoj, kiuj malpermesas, ke en la instruado de la realaĵoj la religia konvinko de la infanoj estas danĝerataj, estu renovigataj aŭ almenaŭ ree publikigataj.

6. La Katolika Agado postulas, ke la koedukado laŭ la leĝoj de la respubliko estu forigata, ĉar ĝi ankaŭ kontraŭas la enciklikon pri la edukado de Papo Pio XI-a.

La grava demando « La katolita gazetaro » ankaŭ estis detale priparolata kaj unuanime decidis la konferenco jenan rezolucion:

La kongreso de la Katolika Agado (K.A.) montras kun plej serioza energio al la stato de la katolika gazetaro kaj al la manko je intereso de grandaj, ankaŭ gvidantaj katolikaj rondoj pri ĉi tiu grava rimedo de la Katolika Agado. Kiel plej urĝa kaj grava tasko ĝi ekkonas:

1. En la centra komitato kaj en la landaj komitatoj estu starigitaj apartaj gazetarkomitatoj kaj apartaj gazetaraj referantoj. En ĉi tiuj komitatoj ankaŭ estu riprezentataj la redaktoroj kaj eldonistoj de nia gazetaro.

2. La estraroj de la katolikaj verkoj kaj societoj devas esti pli konsciaj ol ĝis nun pri la graveco de la gazetaro. Por membroj de katolikaj societoj la abono al katolikaj gazetoj estu devo.

3. La praktika varbado de la katolikoj ne povas esti konsiderata, kiel ĝis nun ĉefe, laŭ la rimedoj de okaza balotpropagando, sed ĝi devas esti bazita sur forta, seninterrompe laboranta katolika gazetaro. Pro tio la kristanaj deputitoj antaŭ ĉio ankaŭ laboru por la disvastigo de la katolika gazetaro, por ili mem la abono de la katolikaj ĵurnaloj estas memkomprenebla devo.

4. La ekleziaj oficejoj kaj la kristanaj parlamentanoj estas urĝe petataj informojn doni senpere al la katolika gazetaro kaj nur al ĝi.

5. Niaj katolikaj organizaĵoj sendu raportoj pri siaj aranĝaĵoj nur al la katolikaj ĵurnaloj, sed ĉe la amplekso de ĉi tiu raporto ili ankaŭ konsideru la aliajn gravajn taskojn de nia gazetaro.

6. Grandan danĝeron por unueca kaj potenca katolika gazetlaborado vidas la kongreso en la multnombraj malgrandaj lokaj ĵurnaloj, kiuj plej ofte ne estas vere necesaj kaj nur malhelpas la disvastigon de la gvidanta centra kaj landa gazetaro.

7. Kiel bonegaj rimedoj de la propagando por la gazetaro, kiu postulas senlacan laboradon, la kongreso insiste rekomendas jenaj:

*a*) Oni konstatu ĉe kiuj komercistoj kaj profesiistoj aĉetas niaj institutoj, monaĥejoj, organizaĵoj, ktp., kaj energie postulu, ke ĉi tiuj negocistoj abonu la katolikajn ĵurnalojn kaj anoncadu en ili. La paroĥaj kaj landaj komitatoj de K. A. devas efektivigi laŭsisteme ĉi tiun laboron kaj daŭre kontroli sian sukceson.

*b*) La gastejoj, en kiuj katolikoj regule moviĝas kaj la societoj aranĝas siajn kunvenojn kaj aranĝaĵojn, estu devigataj je la abono de katolikaj ĵurnaloj kaj anoncado en ili. La paroĥaj komitatoj ankaŭ tiurilate regule kontroladu.

*c*) Persone kunlaboru ĉiuj katolikoj al ĉi tiu grava laboro interne de K. A. per tio, ke ili laŭ ebleco varbadas, la katolikajn gazetojn, kiujn ili abonas, donas al gekonatuloj; ke ili donas al la eldonejoj de la gazetaro adresojn por alsendo de specimenoj; ke ili postulas en la kioskoj kaj ĵurnalvendejoj de la stacidomoj la katolikajn gazetojn kaj ĵurnalojn kaj celas per ĉiuj rimedoj la elmetadon de ili k. s. pl.

*d*) Pojare almenaŭ unufoje kaj nome eble en la monato decembro estu aranĝata gazetara semajno, dum kiu estu farata vasta, de la landaj komitatoj organizita varblaboro por la katolika gazetaro.

Ankaŭ pri la infanaro kaj junularo la kongreso faris gravajn decidojn. La rezolucio pri la junularo tekstas jene:

La penso pri junularkomuneco de Aŭstrujo estas salutata kun la plej granda kontentigo. La gvidantaro de la Katolika Agado estas petata, komenci la efektivigon de ĉi tiu ideo tuj en plej proksima tempo.

En la intereso de la katolika junularo la kongreso de la delegitoj turnas jenajn petojn al la tuta publiko:

*a*) La ekleziaj estraroj lasu la pastrojn, agantaj kiel animzorgantoj por la junularo, eble plej longe sur siaj postenoj por tiel certe atingi daŭran evoluiĝon de la junulargvidado. Instrukcioj de la ekleziaj estraroj klarigu, ke la katolika junularo apud niaj junularunuiĝoj ne rajtas esti en mondpercepte aŭ politike kontraŭulaj organizaĵoj.

*b*) La edukantoj de la juna pastraro, precipe pastoralprofesoroj kaj seminardirektoroj, enkonduku la teologojn en la problemoj de la junulargvidado kaj edukigu ilin praktike en la porjunulara animzorgado kaj junulargvidado.

*c*) Al la animzorgantoj, precipe en la paroĥoj, estu donata tiom da libereco, ke ili povas sin dediĉi post la deviga Diservo al verkoj de la moderna junulara animzorgado.

*d*) Paroĥoj kaj monaĥejoj ĉe la pretigo de junularaj hejmoj, se ankaŭ kun plej grandaj oferoj, helpu krei la lokajn bazojn por la junulara animzorgado.

*e*) La ordenoj aranĝu kunvenojn de la junularaj animzorgantoj, por prepari komunajn direktivojn por junularmisioj kaj ekzercadoj.

La monaĥejaj institutoj kaj lernejoj interrilatigu siajn edukatojn kun la katolikaj junularunuiĝoj kaj plue kunhelpu, ke la elirantaj edukatoj aliĝu al la koncernaj katolikaj junularsocietoj.

*f*) La katolikaj organizaĵoj entute progresigu la katolikan junularmovadon; la unuiĝoj de la plenkreskuloj transirigu kaj kunlaborigu la junularon en la rondoj de siaj membroj.

*g*) La katolikaj laikuloj alkonduku la junularon al la katolikaj junularsocietoj.

*h*) La politika partio de la katolika popolo interesiĝu pri la socialaj rajtoj kaj necesaĵoj de la industria junularo kaj efektivigu la ankoraŭ mankantajn socialajn leĝojn. Ĝi atente observu la tutan junularprizorgadon kaj donu al ĝi ankaŭ la materiajn rimedojn. Ĉiuj specoj de profesiaj pliperfektigaj lernejoj ricevu la religion kiel deviga fako en la formo de instruo pri moro. En ĉiuj lernejestraroj estu sendataj kapablaj riprezentantoj.

*i*) De registaro kaj parlamentoj estas postulata leĝa protekto por la moralo kaj la batalo kontraŭ malpuraĵo kaj literaturaĉo. Per publikaj helpoj estu ankaŭ kreataj kleriĝhejmoj por la industria junularo, kiaj jam ekzistas por la kamparana junularo.

Pri la Infano la kongreso jene rezoluciis:

A. *Ĝeneralaĵoj*. — 1. La verkoj de la katolika junularflegado por la antaŭlerneja aĝo, sed ankaŭ por la lerneja popolo kiel « Gaja infaneco » estu forte progresigataj. La tuta katolika popolo, antaŭ ĉio la fakaj societoj de la viroj, virinoj kaj junularo grandanime metu sin en la servon de ĉi tiu afero. Al la transkondukado de la junularo, forlasanta la lernejon, en la junularmovadon estu dediĉata precipa atento.

2. En la eparkioj la diversaj verkoj pri infanflegado kune interrilatu pro unueca laborado. Ĉi tiu interrilatado ankaŭ okazu de eparkio al eparkio.

3. La agado de « Infangroŝo » devas esti forte progresigata, por ke la verkoj por la infano trovu laŭ sia grandeco, graveco kaj neceseco financan subtenon.

B. *La malgranda infano*. — 1. Oni zorgu, ke precipe en industrilokoj estu fondataj bonaj lernludejoj, en kiu la infano korpe bonfartas, ricevas multajn spiritajn impulsojn, estas ĉirkaŭata de gajeco kaj bonvolo kaj profunde religie influata.

2. Ĉe la elekto de lernludejistino ne decidu la atesto sed antaŭ ĉio la bona takto. Afableco, gajeco, bonvolo kaj religieco antaŭ ĉio devas esti postulataj.

3. Klarigoj pri la pedagogiaj eraroj de la nuntempo estu portataj inter la popolo. Ili devenas el la eraraj intuoj pri la naturo kaj supernaturo de la infano. En konsiladoj por patrinoj, societoj por gepatroj, ktp., ĝi okazu buŝe, skribe per libroj, gazetoj, instruaj artikoloj en multelegataj ĵurnaloj.

4. La popolo devas ekscii, ke la infano estas eduke influebla « ekde la plej delikata infaneco ». Kolero, obstineco, egoismo, avareco devas esti malakcelataj en la evoluo; bonvolo, gajeco, malavareco devas esti progresigataj.

5. Ekde la unuaj monatoj la infano estas ege akceptema por ĉiuj animaj esprimoj de sia ĉirkaŭaĵo, kiuj en ĝi postlasas neforigeblajn postsignojn. Ĉiu plenkreskulo en la ĉirkaŭaĵo de la infano pro tio estas respondeca por moralo kaj ĉasteco en la popolo.

6. Devas esti ĉiama postulo: « Pura strato kaj serioza popoldisciplino ».

7. Tial ankaŭ forlasu neniu knabo kaj neniu knabino la lernejon sen scioj el la plej gravaj partoj de la edukarto.

8. Al la edukado kaj organizado de la katolikaj akuŝistinoj estu dediĉata tre granda atento.

La tria tago de la kongreso estis dediĉata al la temo « Edzeco kaj familio ».

Post tri referatoj sekvis vigla diskuto. La esenco de la referatoj kaj debatoj estu montrata en la sekvantaj linioj:

1. La kreado de bonaj loĝejoj devas esti unu el niaj plej urĝaj zorgoj; solide gvidataj konstruŝparkasoj kiel « Wüstenrot » kaj konstruunuiĝoj meritas fervoran subtenadon; sed krom tio devas okazi ĉio nur ebla de unuopuloj kaj komunumoj, ankaŭ per la Ligo-Loĝejkonstruprogresigado, por plivigligi la loĝejo-merkaton.

2. Laŭ la kristana vidpunkto estu alcelata la familia salajro; la plialtigo de la ŝtataj porinfanaj alpagoj estas necesaĵo. Ĝuste el la zorgo pro la familio la streĉiĝo de ĉiuj publikaj kaj privataj fortoj estas severa ordono: La karitato devas unuavice fari porfamilian prizorgadon. Oni kontraŭlaboru al la duoble-salajruloj. Prizorgantinoj kaj akuŝistinoj povas esti gravaj apogiloj de la kristana familio.

3. La mastrumadlernejoj estas tre salutindaj, se ili estas instalataj laŭ la necesaĵoj de la loĝantaro; la tutaj lernejoj estu aranĝataj familiece, la edukado de la knabinoj dommastrumece. La pli alta studado de virinoj meritas konsidere al popolo kaj familio pli fortan progresigadon.

4. En la publika vivo la katoliko precipe devas zorgi pri protekto kaj progresigado de kristana edzeco kaj familio; jam pro tiu kaŭzo ĝusta politika kunlaborado fariĝas serioza devo de kristano.

5. En la klariglaborado pri edzeco kaj familio oni ankaŭ devas enkalkuli la mebladon de la hejmo, la civilan edzecon kaj ĝian proĵuĝon el la konscienco; la seksa klarigado en koncerna formo estas nuntempe necesaĵo; animzorgantoj povas per domvizitoj, pli maljunaj sinjorinoj per konsilado al pli junaj doni benatan lumon; ankaŭ libro kaj gazeto devas doni siajn servojn.

6. La decidanta restas ĝenerala edukado de la junularo, elfluanta el la kredo, en kaj ekster la lernejo; ĝi funkciu unuflanke kun sincera konfido kaj aliflanke kun certa firmeco; ankaŭ la sporto ĉi tie havas sian funkcion; precipe estu edukata la vira junularo al kavalireco kaj la virina al oferemo; tiamaniere gvidataj junularsocietoj estas de plej granda graveco.

7. La animzorgado devas la kreadon de kernkatolikaj familioj kaj ilian firman kuntenadon rigardi la fundamenton de la tuta agado; nur tiamaniere estas eble, precipe en pli grandaj lokoj, krei vere noveformitan generacion, enmeze de terura idolaneco. Jes, la paroĥo devas esti nobligata en granda familio.

Jen ĉiuj rezolucioj de ĉi tiu grava « parlamento de la aŭstraj katolikoj ».

### Letero de la episkoparo

La aŭstraj episkopoj decidis en la lasta komuna konferenco alvokon pri la problemo de la senlaboreco.

Unue la episkopoj « urĝe admonas ĉiujn partojn de la loĝantaro eviti dum la venonta karnavalo bruantajn kaj multekostajn festaranĝojn. » Ili poste « admonas la kredantojn, fervore plenumi la devojn de kompatemo », donante el la superfluaĵoj tion, kio mankas al multaj. Sed « kiu povas havigi laborebleccojn, tiu ankoraŭ pli multe helpos. » Fine la episkopoj admonas la pastraron al malavara karitato kaj ĉiuj al fervora preĝado, por ke Dio helpu en tia socia mizero.

Karl Dürschmid.

## LETERO EL NEDERLANDO

### Kristnasko kaj simptomoj de bolŝeva invado

Kristnasko, la specifika festo de la Paco, ne preteriris sen ke okazis kelkaj bedaŭrindaj incidentoj, el kiuj klare montriĝis la intencoj de la komunista agitado. Sufiĉe ofte oni jam aŭdis de komunista flanko, ke la religio estas opio por la popolo. Je Kristnasko nun la komunista gazeto *De Tribune* (La Tribuno) aperigis numeron plenplenan per blasfemoj, kies citado nur malhonorigus tiun ĉi rubrikon. Jam sufiĉas kiam ni mencias, ke ĝi komencis per artikolo « For Kristnasko » kaj finis per « Kristo al la sterkejo ».

Ankaŭ la liberpensuloj ne povis silenti. La liberpensula unuiĝo « De Dageraad » (La Aŭroro) ekkaptis la mikrofonon je la antaŭtago de Kristnasko kaj disaŭdigis per radio paroladon de sia prezidanto pri la Sunturniĝfesto kaj tiamaniere pagane demontraciis kontraŭ la religia Kristnaskfesto.

Ni vivas en lando kie ekzistas plena libereco de preso kaj parolo, sed pripensante tion ĉi ni prave devas demandi, ĉu kristana registaro ne devas malpermesi aŭ protesti kontraŭ tiuj ĉi publikaj ofendigoj al la kristana popolsento!

### Novjaro, popolnombrigo kaj putriĝo de Protestantismo

En antaŭa letero ni jam skize priskribis la religian situacion de la nederlanda popolo. Ni tamen ne detale priskribis Protestantismon mem.

En la nokto inter la 31 decembro kaj la 1 januaro lasta okazis la 11-a popolnombrigo, kiu alportis al ni la kolorkarton de la nederlanda Protestantismo. Montriĝis, ke la registaro oficiale rekonas ne pli aŭ malpli ol 30 protestantajn sektojn (ordinare oni kalkulas ilin entute, do kune kun la neoficialaj sektoj, je proksimune 200!!!)

Ĉi sube oni trovas la 30 oficialajn sektojn inter kiuj 40 procentoj (!) de la nederlanda loĝantaro estas dividitaj:

Nederlanda Reformita Eklezio, Wala komunumo, Angla Presbiterana komunumo, Skota komunumo, Remonstranta Frataro, Kristana Reformacia Eklezio, Reformaciaj Eklezioj, Evangelia Lutera Eklezio, Reformita Evangelia Lutera Eklezio, Baptista komunumo, Evangelia Frataro, Germana Evangelia komunumo, Kumunumo de la Anglikana Episkopa Eklezio, Apostola komunumo, Nederlanda Unuiĝo de Sepa-tago-Adventistoj, Eklezio de la Malnov-Episkopa Pastraro, Kristana Ortodoksa komunumo, Reformacia komunumo, Komunumo de Baptitaj Kristanoj, Kristana Evangelia komunumo, Libera Reformacia komunumo. Evangelia komunumo, Libera Evangelia komunumo, Malnov-Reformacia komunumo, Reformacia komunumo sub la Kruco, Komunumo de la Reformita Apostola Misieklezio, Misiadkomunumo, Reformita Apostola Misiadkomunumo en la Unueco de la Apostoloj (!), Malnov-Reformacia Eklezio.

Oni atentu ke ekzistas vera diferenco inter ekz. Malvov-Reformacia *komunumo* kaj Malnov-Reformacia *Eklezio*.

Jen la finrezultato de la multbenita Reformacio, jen la t. n. Protestantismo! Vere oni prave devas demandi, kie estas la Protestantismo, se ne ke oni konfesu, ke Protestantismo estas ekvivalento de disfendiĝo kaj putriĝo!

### Inaŭgurado de Nederlanda Kolegio en Romo

La fino de la jaro alportis al la nederlanda katolikaro gravan instituton. Per speciala papa bulteno Lia Papa Moŝto inaŭguris la nederlandan kolegion en Romo, kie en la estonto la elito de la nederlandaj pastrostudantoj povos finigi siajn studojn. La oficiala inaŭgurado okazos tuj post la finkonstruado de la instituto, kiu staras sur la Aventina Vojo. La unua ŝtono de tiu ĉi konstruajo estis metita en ĉeesto de la tuta nederlanda Episkoparo, la 2 majo 1929, kiam Ĝi vizitis Romon por festi la 50-jaran pastrecon de Lia Papa Moŝto. La kolegio staras sub patroneco de sankta Wilibrordo, unua episkopo de Utreĥto.

### 5-a Nederlanda Katoliktago

La 5-a Nederlanda Katoliktago okazos la 26 kaj 27 majo 1931 en Amsterdamo.

La komitato en Amsterdamo kiu aranĝos tiun ĉi unuan lustrumfeston de la nederlandaj katoliktagoj jam eldonis skizan programon el kiu ni citas krom la kutimaj kunvenoj: grandan popoldemonstracion en la amsterderma sportstadio; Sanktan Meson en la fankonata Begijnhof (la nederlanda centro de la Eŭkaristia vivo); solenajn Laŭdojn celebrotaj de Msro Aengenent, episkopo de Harlemo. La temo, kiu estos priparolata en la sekcia kaj ĝenerala kunvenoj estos: « La Kristana Familiovivo ». Similaj tiaj tagoj jam antaŭe okazis en Utreĥto, Nimego, Hago kaj Mastriĥto. La nederlanda Episkoparo plene ĉeestos.

J. H. Westen.

## ĈIEAJ INFORMOJ

■ Kardinalo Verdier, ĉefepiskopo de Parizo, adresis, meze de januaro, alvokon al sia pastraro kaj fidelularo, por ke ili fervore preĝu por la liberigo de Rusujo.

■ Lia Papa Moŝto Pio XI-a akceptis en aŭdienco, la 8 januaro, la romanan patriciaron kaj nobelaron.

■ Sekve de invito de Msro d'Herbigny, S-ro Georges Goyau, membro de la Franca Akademio, faris, en la nova biblioteko de la Papa Instituto Orienta, en Romo, paroladon pri la etiopia martiro Aba Ghebre Miĥael, beatoproklamita de Pio XI-a. La ĉeestantaro estis multnombra; inter ĝi estis kardinaloj Früwirth kaj Cerretti, la ambaŭ francaj ambasadoroj, kelkaj membroj el la diplomataro, la nova etiopia episkopo: Msro Kidane, kaj la lernantoj de la Abisina Kolegio. Msro d'Herbigny prezentis la paroladonton, kiel la plejŝatata konsultisto de la historia fako de la Kongregacio por Ritoj.

■ En septembro venonta okazos en la Rhodes-insulo Eŭkaristia Kongreso, kies aranĝo prizorgas la Itala Komitato, sub la prezido de Msro Bartolomasi, armea episkopo.

■ Okaze de la nova jaro, Kardinalo Bertram, ĉefepiskopo de Breslau (Germanujo), publikigis mesaĝon, en kiu li pritraktas la diversajn aspektojn de la naciismo. Li malaprobas la fanatikan naciismon, kiu estas kaŭzo de malkonkordo inter la popoloj. Li atentigas la fidelulojn kontraŭ la falsaj profetoj; facile estas ruinigi ion, sed pli malfacile rekonstrui ordon. Li kondamnas la doktrinojn de komunismo kaj socialismo, kiuj estas tute kontraŭaj al Kristanismo. Fine li invitas konservi la universalan spiriton de la katolika Eklezio.

■ La franca registaro promociis Msron Ruch, episkopon de Strasbourg, komandanto de la Honorlegia Ordeno, kaj Msron Duparc, episkopon de Quimper, kavaliro de la sama Ordeno.

■ Msro Johano Ogé, diplomata komisisto de la Sankta-Seĝo en Liberio, ricevis la insignojn de granda komandanto de la Ordeno de la Afrika Stelo.

■ Kiel atesto de sia admiro, Pio XI-a lasttempe sendis oran medalon al la fama amerikana elpensinto Tomaso Edison.

■ Kardinalo Segura, ĉefepiskopo de Toledo kaj Papa direktoro de la Katolika Agado en Hispanujo, starigis Labor-Hejmon por katolikaj laboristoj kaj industriistoj.

■ Baldaŭ estos inaŭgurata, en la halo de la usona kapitolo en Washington, statuo al Karmelana religiulo, Pastro Junipero Serra, kiu fondis, dum la XVIII-a jarcento, misiejon en Kalifornio.

■ Laŭ iniciato de Kardinalo Schuster, ĉefepiskopo de Milano (Italujo), okazos en tiu urbo, dum aŭtuno 1931, internacia ekspozicio de moderna arto religia, por tiamaniere festi la trian centjaran datrevenon de Kardinalo Frederiko Borromeo, kiu estis protektanto de la artoj kaj fondis, en 1625, Akademion de Belaj Artoj en Milano. Tiu ekspozicio ankaŭ festos la dekan datrevenon de la starigo de Supera Art-Lernejo Religia sub la aŭspicioj de Kardinalo Ratti, fariĝinte la nuna Papo.

■ La Portugala registaro donacis la grandan krucon de la Ordeno de Kristo al Msro Ottaviani, substituto ĉe la Ŝtata Sekretariejo de la Vatikano.

■ Kanoniko Grœber, el Friburg i. Brisgau, ĵus estis elektita episkopo de Meissen (Germanujo). Li estas 59-jara kaj ĝuas famon de rimarkinda predikisto.



## EL ĈEĤOSLOVAKUJO

### Moderna konstrumaterialo betona je la servo de Dio



Moderna preĝejo Sankta-Venceslao en Praha

La homoj konstruas por si palacojn, nebedaŭrante la financajn rimedojn por ornami ilin, kaj fari ilin komfortajn. En tiu ĉi moderna tumulto ŝajnis, ke ili tute forgesos konstrui domojn al Tiu, kiu kreis la ĉielon kaj teron. Sed jen tamen oni aŭdas ke tie, aŭ alie, oni konsekras novan domon de Dio. La samo okazis en Praha, ĉefurbo de Ĉeĥoslovakujo. La urbo post la mondmilito rapide grandiĝis, ĉirkaŭante sin per novaj antaŭurboj. La katolikoj en Praha ekkomprenis sian devon: altigi meze de tiuj novaj urboj la turojn de preĝejoj, domoj de Dio. La klopodoj kaj zorgoj estis kronitaj per sukceso tiom, ke oni dum la pasinta jaro povis almenaŭ en tri lokoj prizorgi provizorajn preĝejetojn. Sed la krono de la laboro estis finkonstruo kaj konsekro de jubilea preĝejo de Sankta-Venceslao en Praha-XIII (Vrŝovice), kies du bildojn ni apude enpresis. La novan preĝejon konsekris, la 21 septembro pasinta la ĉefepiskopo mem de Praha, Msro D-ro Kordač.

La preĝejo, altiĝanta meze de la fabrikaj tuboj de industria kvartalo, estas tute laŭ moderna stilo kaj el moderna konstrumateriale: betono.

Estas nature, ke post la finpretigo la konstruaĵo trovis kritikantojn por kaj kontraŭ, sed ĉies opinioj unuiĝas en admiro pri ĝia majesteco kaj indeco.

La nova preĝejo estas verko de profesoro de Supera Teknika Lernejo en Praha, S-ro Jos. Gočar, kaj efektivigon de liaj planoj oni dankas al multaj bonfarantoj, precipe al peno de loka parohestro Pastro Stanislao Pilík.

Francisko Kudrna.



Interno de la preĝejo Sankta-Venceslao en Praha

### La 40-a jara datreveno de la Papa Enciкliko "Rerum Novarum"

Okaze de la 40-a japdatreveno de la Papa Enciкliko *Rerum Novarum* estos organizata, dum 1931, granda pilgrimo internacia al Romo, en kiu partoprenos delegitoj de ĉiuj laboristaj asocioj, kiuj inspiriĝas per la katolikaj principoj kaj akceptas la direktivojn de la Eklezio.

Internacia Komitato zorgos pri la organizado ĝenerala. La Loka Komitato estas prezidata de Komandanto Pericoli. La sekretario estas D-ro Francini.

Jen la jam fiksita programo:

*14 majo.* — 9 h. Meso en la baziliko Santa-Johano de Laterano. Post la Meso, la Komitato demetos kronon ĉe la tombo de Leono XIII-a kaj ĉe la monumento de la katolika laboristo. Inaŭguro de memoriga tabulo.

16 h. Solena Memorigo de la Enciкliko *Rerum Novarum* en la kortego de la Palaco de la Apostola Kanceleriejo. Paroladoj de la delegitoj de la diversaj landoj.

*15 majo, festo de la Krist-ĉieliro.* — 8 h. Meso de Lia Papa Moŝto en la Vatikana baziliko.

16 h. Papa aŭdienco en la kortego Sankta-Damaso en la Vatikano.

*17 majo.* — *Te Deum* en la baziliko Sankta-Mario-Plejgranda.

La Itala Fervoja Kompanio konsentos rabaton por la vojaĝo kaj la Ĝenerala Komitato zorgos pri multajn aliajn facilajojn.

### Nuboj super Germanujo!

La Ĝenerala Kongreso de la Katolikoj de Germanujo (Katholikentag) en 1931 denove okazos en Bavarujo, nome en Nürnberg. Ni volas jam nun bone preĝi al Dio, por ke ĉi tiu kongreso en plejpremanta tempo la Germanajn katolikojn ne nur ekstere unuigu, sed ankaŭ interne firmigu je supernaturaj fortoj por la batalteмpoj kaj kun graco plenigu. Ĉar certe en Germanlando fariĝos arda la batalo pri la kristana kulturo: la Rusa sendieco ja ĝuste nun translokigis sian varbcentrejon (!) al... Berlin. Berlin, la ĉefurbo de la Germana sendieco! Kiel terura voko « fajro » ĉi tiu penso devas veki eĉ la plejdormenan el la katolikoj. La regno de Satano mobilizas kontraŭ la regno de Kristo!

Jos. Lintl.

## *EL HUNGARUJO*

### Grandaj festoj por la Jubileo de la Unuagrada Seminario en Kalocsa

Nun oni festis la 50-jaran datrevenon, kiam Kardinal-Ĉefepiskopo Lajos Haynald por teologoj konstruigis la seminarion en Kalocsa, de kie multaj pastroj iris en la vivon. La jubilea seminario aranĝis festojn je la duobla datreveno de la eparĥio de Kalocsa por festi la 50-jaran datrevenon de la seminario kaj la 25-jaran datrevenon de la episkopa jubileo de Ĉefepiskopo de Kalocsa, Grafo Gyula de Zichy, honora prezidanto de la Hungarlanda Katolika Esperanto Societo. Antaŭ la Ĉefepiskopo aperis multaj pastroj por saluti respektege Lin okaze de la jardatreveno.

### Episkopa alvoko al la pastroj kaj kreduloj

Msro Nándor Rott, episkopo de Veszprém, eldonis sian episkopan alvokon, en kiu li parolas pri la belegaj festoj de la Sankta-Emeriko Jubilea Jaro. Li citas, ke unu amerika episkopo gratulis al la hungaraj pastroj, ĉar ili havas ĉi tian fortekredantan kredularon. Plezure, skribas li, ke en banloko Balatonalmádi jam ekzistas la nova katolika preĝejo, kiun oni povas danki ĉefe al Moŝto Senatora D-ro Ferencz Ováry, honora ano de la Hungarlanda Katolika Esperanto-Societo. Nun jam ĉiuj banlokoj apud la belega lago Balaton havas katolikajn kapelojn.

### Kara festo en Hungara vilaĝo Decs

Paroĥestro István Nagy nun faris sian « arĝentmeson » en vilaĝo Decs. Tie ne nur la kreduloj kaj la pastroj ĉeestis, sed ankaŭ multaj verkistoj kaj literaturamikoj, ĉar la jubilea paroĥestro tradukis multajn religiajn romanojn el la germana kaj franca lingvoj kaj li estas konata arttradukanto en Hungarujo.

D-ro Gy. L.

■ Por senlaboraj, nesubtenataj knabinoj malfermis la *Caritas socialis*, Wien, Pramergasse 9, hejmon, kie ili estas okupataj en kudrejoj ĉe modesta perlaborajo kaj en sekureco aŭ estas ankaŭ instruataj pri pinglolaboroj en aparta instrulaborejo. Al la loĝantaro de Wien *Caritas socialis* turnas la alvokon, tie mendi ĉiajn tolajojn, ankaŭ fliktolajon transdoni al la kudrejoj. Por malriĉaj familioj estas transprenataj tolajoj kaj vestajoj, kiuj estas riparataj de libervolaj helpantinoj.



### La Brita Imperio donacis pli ol 9.250.000 fr. fk. al la Misioj

La APK (Asocio por la Propagando de la Kredo) en la daŭro de la pasinta jaro ricevis la monsumon de 9.250.000 frankoj el la Brita Imperio.

En la unua loko sin trovas Québec, kiu donacis 3.229.250 fr. kaj en la dua loko Irlando : 1.994.625 fr. Aliaj partoj de la Imperio kontribuis jene :

Anglujo : 1.245.500 fr. ; Toronto : 1.144.375 fr ; Aŭstralio : 648.375 fr. ; Skotlando : 561.125 fr. ; Hindujo : 258.000 fr. ; Maltujo : 142.875 fr. ; Sud-Afriko : 64.250 fr.

Tiamaniere la Brita Imperio sin trovas la tria sur la Internacia listo :

| | | |
|---|---|---|
| 1-e | Usono | 36.024.500 fr. |
| 2-e | Francujo | 10.568.625 fr. |
| 4-e | Italujo | 8.348.500 fr. |
| 5-e | Germanujo | 5.030.750 fr. |

El ĉiuj partoj de la mondo la APK sume ricevis 88.987.500 fr. ; pligrandiĝo de 12.500.000 fr. ol dum la antaŭa jaro.

Tia sumo montras rimarkindan kontraston kun la sumo de 33.140.750 fr. kontribuita en la jaro 1922, kiam la ĉefsidejo de la APK translokiĝis en Romon.

Albert E. Hepton.



### La centjara datreveno de la privata instruado en Francujo

En majo 1831, Lacordaire, de Montalembert kaj de Coux fondis en Parizo senpagan lernejon por protesti kontraŭ la monopolo de la Universitato kaj por akiri la liberecon de la instruado.

Rediru ni la memorindajn parolojn, kiuj eldiris Lacordaire ĉe la malfermo de tiu lernejo :

« Ni estas kunvenintaj por ekuzi la unuan liberecon en la mondo, tiun kiu estas la ĉefa de ĉiuj aliaj, sen kiu ekzistas nek libereco de konscienco, nek libereco de opinioj, sed pli malpli baldaŭ sklaveco, submetigo de ĉiuj homoj al la penso de unu sola homo... »

Neniu ignoras la okazajojn : ili estas historiaj. Unua interveno de la polico, la 9 majo, estis senrezulta. Sed la morgaŭon la policanoj perforte ekkaptis kaj eliris unue la knabojn, poste la instruistojn.

La afero devis havi eksterordinaregan sencasion. Montalembert estis ja, sekve de la morto de sia patro, fariĝinta Eminentulo de Francujo (Pair de France), oni do devis konduki la malobeintojn antaŭ la plej alta tribunalo tiama, la Parlamento de la Eminentuloj. Se la libereco por instruado estis konsentita nur post multaj sortovicoj, tamen oni povas diri kun S-ro de Falloux :

« El tiu sindonema penso, el tiu kuraĝa decido naskiĝis la protestoj, la agoj kiuj plenigas la historion de la katolikoj (francaj) ĝis en 1848, kaj kiuj renkontis la publikan opinion tute pretan por akcepti kaj aprobi leĝon en 1850. »

Kiam la Papo adresas al la tuta mondo preman alvokon favore al la katolikaj lernejoj, ŝajnas tute taŭge, solene rememorigi la centjaran datrevenon de tiu multkonsekvenca iniciato, el kiu devenis la liberecoj por instruado.

La *Semaine Religieuse de Paris* (Semajno religia de Parizo) sciigis. ke Lia Kardinala Moŝto Verdier, ĉefepiskopo de Parizo. decidis, ke tiu centjara datreveno estos solene festata, la 3 majo 1931, en la ĉefpreĝejo de Parizo.

Aliaj festoj okazos ankaŭ en aliaj urboj, ekzemple en Toulouse la 7 februaro, kun la partopreno de Msro de Llobet, ĉefepiskopo de Avignon, kaj NN. SS. Saliège kaj Moussaron, episkopoj.

*Kun la permeso de la ekleziaj aŭtoritatoj.*

Respondeca Redaktoro *(Gérant)* : Th. MERVILLE.

Presejo J. SOLSONA, 9, rue Hallé, Paris-14ᵉ. - Gob. 62-71